XIVª jaro. Nº 214 (6) ☆ Monata ☆ Junio 1918

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Ordinara eldono . . . . . . . . . . . . . 5.— Frankoj
Luksa eldono . . . . . . . . . . . . . 6.25 Frankoj
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn*
*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . . . 0.50 Frankoj
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 0.40 Frankoj
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . 0.50 Frankoj
*Rabatoj: 3 enpresoj 10%; 12 enpresoj 25%*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)



## *Al niaj legantoj*

*Pro la morto de la patro de nia Direktoro, kiu mem estis malsana lastatempe, tiu ĉi N-ro aperas kun prokrasto de kelkaj tagoj. Niaj legantoj bonvolu senkulpigi!*

*Por la someraj monatoj ni rilate al la apero de nia gazeto alprenis la saman aranĝon kiel en la du lastaj jaroj:*

*La proksima N-ro de „Esperanto“ (julio-aŭgusto) aperos la* **5 aŭgusto** *en formo de duobla kajero.*

*La postproksima N-ro de „Esperanto“ (septembro-oktobro) aperos la* **5 oktobro** *ankaŭ en formo de duobla kajero.*

*ESPERANTO.*

NUNTEMPAĴOJ

# Moderna Arto

La libro: „Konsideroj pri Universala Historio“, de Jakob Burckhardt, la fama profesoro en Baselo, estas unu el la plej pensigaj kaj instruaj libroj, kiujn mi konas. En ĝi speciale interesis min ĉiam la ĉapitro pri la revolucioj kaj krizoj; ĉar kio estas tie dirata pri la politikaj evoluoj, okazintaĵoj kaj karakteroj, estas grandparte ankaŭ aplikebla al la revolucioj kaj krizoj en la historio de l'arto. Oni konsideru ekzemple jenon:

„Rilate la komencon de la krizoj, montriĝas unue la negativa, kulpiga flanko, la amasigita protesto kontraŭ la estinto. La kondukantoj kiel la popolamasoj debitigas la okaze lastan staton je ĉio, kio malplaĉas al ili, dum fakte estas plej ofte aferoj, kiuj devenas el la ĝenerala homa neperfekteco. — Nun la pozitiva, ideala flanko. Estas la esperemuloj, kiuj donas la veran brilon al la komencanta krizo, per paroloj aŭ aliaj manifestadoj de sia talento. Sed nun komencas la brila malsprita ludo de la espero, en giganta amplekso. La protesto kontraŭ la pasinto miksas sin kun multkolora fantazia bildo de l' estonto, kiu malebligas ĉiun trankvilan rezonadon. Tro facile oni kredas, ke tiu idealaĵo entenas la veran spiriton de la krizo, kvankam ĝi estas nur la vestaĵo de la edziĝfesto, kiun sekvos penplenaj labortagoj.

„Estu ankaŭ atentigata je la fiziologia fakto, ke kun ĉiu krizo naĝas certa nombro da homoj kapablaj, energiaj kaj malvarmegaj, kiuj nur intencas profiti el la cirkonstancoj kaj klopodas trapuŝi sian intereson ankaŭ okaze de kontraŭa movado aŭ de iu ajn alia ŝanĝo. Tiu bando de Rabumult, Tenufirm kaj Rapidkaŝu naĝas supre je ĉiu prezo, kio estas des pli facila, ke neniu idealo pezigas ilian cerbon.“

„La neceso sukcesi je ĉia prezo kondukas en tiaj tempoj al plena forgeso de la komence starigitaj principoj, kaj tiel oni alvenas al terorismo, kompromitanta la tutan movadon, kiu malebligas seriozan, fruktodonan kreon.

Io ajn el la unuaj intencoj kutime realiĝas. Sed la rezultato estas mirinde malgranda kompare kun la klopodoj kaj pasioj, kiujn ekflamigis la krizo.“

Tralegante tiujn, el pli longa teksto kunmetitajn frazojn, skribitajn antaŭ ĝuste kvindek jaroj, oni tuj pensos je la okazintaĵoj en Ruslando. Sed, kio estas dirata en ili, precize ankaŭ rilatas al la revolucio en la moderna arto. Pruvo por tio estas la ekspozicio de la modernuloj en nia urbo.

Ĉi-tie, kiel ĉe la multaj manifestadoj de moderna arto, kiuj ja ne mankis, vidiĝas, ke la esenco de la moderna arto povas esti difinata, laŭ Burckhardt, kiel: „amasigita protesto kontraŭ la estinto.“ La formoj, per kiuj sin esprimis la ĝisnuna arto, eĉ la impresionista, aperas al la juna generacio kiel nuraj formuloj, kiel kliŝaĵoj, per kiuj ili ne povas esprimi siajn emojn. Ankaŭ la publiko ja ennas, se modo en la arto daŭris certan tempon: „ĉiam la samo.“ Sekve ĉio devas fariĝi alia; kaj tiu postulo plenumiĝas plej certe, se oni faras la plenan malon de tio, kio ĝis nun estis

kutimo. Dum ĝis nun, malgraŭ la ŝanĝantaj realistaj aŭ idealistaj tendencoj, la optika apero de la naturo estis entute la modelo kaj mezurilo de ĉiu pentrado, valoros estonte nur la sento, la interna vivo de le artisto. La pentrarto devos esprimi, ne montri.

Novaĵo tio ne estas. En ĉiuj tempoj tio, kio diferencigas artaĵon de simpla kopio de la naturo, estis ja la persona kompreno de la verkinto, lia „esprimmaniero." Sen ĝi, restas nur pli-malpli lerta imito de la naturo, kiuh fotografado aŭ alia mekanika procedo pli bone prizorgas. Nova do estas la programo nur tiam, kiam tiu persona esprimmaniero tute forlasas la naturon, se ĝi montras intence la aĵojn alie ol ni vidas ilin, se ĝi donas de ili bildon kripligitan, nekompreneblan. Ĉar — tamen restas bildo. La pentrarto estas nek muziko, nek arhitekturo, nek poezio; por esprimi sentojn aŭ pensojn ĝi nur havas la eblecon de „bildado", se almenaŭ ĝi ne volas fariĝi pure ornama. Tio ne estas la intenco de la modernistoj, kiel jam pruvas la titoloj de iliaj verkoj, aludantaj enhavon realan, ne nur formalan.

Ĉio tio povas tre bone esti kunigata en teorio, teorie defendebla. La penseraro montriĝas, kiam oni devas realigi la teorion. Ĉar tiaspeca verko ne povas esti juĝata kompare kun la naturo aŭ kun iuj el la ĝis nun kreitaj artaĵoj: kiel plej persona esprimo de individua sento ĝi ja havas la mezurilon nur en si mem, ĉiu artisto sammulte valoras, konforme al la tezo: „kiel mi vidas ĝin." Kritika konsidero ne estas ebla. La rigardanto, kiu de tia bildo havas neniun impreson aŭ malbonan, simple nenion komprenas pri ĝi, kaj la afero estas senpene likvidata.

Alia speco de „protesto kontraŭ la estinto" estas se, kiel kontrasto al la Impresionistoj, kiuj nur intencis montri la koloran, momentan impreson kun ĝiaj apartaj nuancoj, certaj modernistoj ne plu volas pentri tian specialan kazon, sed la esencon de la objekto, do ne plu la individuon, sed la tipon. Sed tipo ne estas bildebla, ĉar ĝi estas nura ideo, abstraktaĵo. Ĉio, kion do la pentristo povas fari, estas montri aĵon, ĉe kiu la karakteraj ecoj estas disvolvitaj ĝis plej altgrada perfekteco, dum li forigas laŭeble la aliajn. Mallonge estas tio, kion de ĉiam oni nomis: idealigi aŭ stiligi. Sekve ankaŭ tiu procedo estas nur nova, se oni uzas ĝin tute radikale: ekzemple se, por pentri pomon, mi ne pentras speciale belan kaj regule formitan pomon en plej favora lumo, kvazaŭ la idealan pomon, sed se mi simple plenigas cirklon per ruĝa koloro. Fariĝas tiam bild-skribo, kiel estis la egiptaj hieroglifoj. Pentrante la subirantan sunon, kiu ja ankaŭ povas esti montrata per ruĝa rondo, mi aldonas kelkajn streketojn ĉirkaŭ la rando. Nenio estas pli simpla, kaj ĉiu infano ĝin tuj komprenas.

Diferenco inter la bildskribo de la primitivaj popoloj kaj tiu de la modernuloj estas, ke tiu de la unuaj estis farita laŭeble plej belskribe, dum la moderna estas rimarkinde brutala, krude jetita sur la tolaĵon. Tio devenas el tio, ke la modernaj Ekspresionistoj, kvankam en rekta malkonsento kun la Impresionistoj, akceptis ne konscie ilian procedon de pentrado. Estas simile kiel la Renesanco kunprenis multnombrajn elementojn el la gotika arto, la klasikismo el la periodo de Rokoko (Louis XV), kio fariĝis nekonscie, ne rimarkite de la samtempuloj. Por la Impresionistoj tiu kruda, skiza maniero de multaj apartaj kloreroj estas karakteriza kaj havas bonan kaŭzon. Volante montri la impreson de momento kaj ne plu povante daŭrigi se la lumo aŭ la pozicio de la modelo nur iomete ŝanĝas, la Impresionisto ne povas alie ol noti rapidege, per kelkaj tuŝoj de l' peniko, la ĉefaĵojn de l' objekto, la tiel nomitajn „valorojn". Ne povas esti konsiderata la delikateco de l' formo; tial do la oftaj krudaj malkorektaĵoj de la formaj proporcioj, eĉ ĉe Manet kaj la „klasikuloj" de l' Impresionismo.

Por la Ekspresionistoj ne estus kaŭzo tiel procedi. Ĉe ili la zorgo pri bela materialo, konscienca tekniko povus, ja devus, kontraŭpezi la senĝenon aŭ malkapablon de la reprodukto. La figuroj sur hinda silk-tapiŝo, ekzemple, estas infane desegnitaj, sed la efiko ornamiga, la preciza laboro kaj la mirinda elekto de la silkoj faras ĝian valoron. Certe ĝi ne estas artverko en la pli alta senco, sed objekto de arta metio — kio ne malhelpas, ke ĝi kaŭzas pli da arta ĝuo ol mezbone pentrita bildo.

Kune kun provo, esprimi la humorojn kaj sentojn senpere en formoj kaj koloroj per kiel eble plej simplaj figuroj, iras la tendenco forigi ĉiun „akademiaĵon", en bona kaj malbona senco. La batalo kontraŭ ĉio kio supozigus regulon aŭ recepton, kontraŭ ĉia esprimmaniero de antaŭa epoko, kiu ŝajne aŭ vere frostiĝis en formulo, — ankaŭ tiu klopodo estas malnovega kaj la signo de ĉiu nova arta movado. Por atingi celon neniam aliritan oni devus iri ĝis la plej ekstremaj sekvoj: ĝis la malŝato de ĉiu teknika lerteco. La Nazarenoj (skolo de pentristoj en Romo, komence de la 19-a jarcento) malakceptis ĉiujn progresojn de la pentrarto de la antaŭaj tri jarcentoj, kaj tial ili ankaŭ estis malbonaj pentristoj, sed por la desegnado ili sekvis la plej eminentajn majstrojn, ĉefe Rafaelon, kaj en la desegno kuŝas la valoro de iliaj produktaĵoj. La Modernistoj, almenaŭ kelkaj el la plej radikalaj, neas ankaŭ la sperton pri desegno, ja ili simple neas ĉion kion la homaro kredas esti lerninta pri arto en la lastaj tri jarmiloj. Ju pli fuŝa, ju pli diletanta, mallerta, despli „individua". Tiel ni vidas, ke eĉ pentristoj, kiuj lernis ion kaj scias uzi sian ilaron, hontas pri tiu kapablo kaj provas esprimi sian „plej intiman personecon" naive, laŭ la maniero de infanetoj aŭ prahomoj. Estas klare, ke tie ankaŭ malfermiĝas vasta agadkampo por aro de mallertuloj, kiuj pro bonaj kaŭzoj ne estas devigataj ion forlerni. En tia ekspozicio la rezultatoj montriĝas klare al ĉiu, kiu havas ankoraŭ okulojn en la kapo. Tio, kion oni observas, estas plena anarĥio, Bolŝevismo en la pentrarto. Ankaŭ tie troviĝas kelkaj kondukantoj, kiuj, deirantaj el idealaj postuloj, volas plibonigi la mondon — aŭ almenaŭ la arton, kaj anstataŭ tio kreas ĥaoson. Ankaŭ tie naĝas supre „la homoj energiaj, malvarmegaj, kiuj volas profiti el la circonstancoj kaj klopodas trapuŝi sian intereson ankaŭ okaze de kontraŭa aŭ de iu ajn alia movado", kiel diras Burckhardt. Ankaŭ tie „oni alvenas al terorismo, kompromitanta la tutan movadon, kiu malebligas seriozan, fruktodonan kreon". Kaj fine io ja realiĝos, sed „io mirinde malgranda kompare kun la klopodoj kaj pasioj, kiujn ekflamigis la krizo."

Trad.[1]: *Ed. Stettler.*

[1] El: „Neue Freie Presse" de ne nomita aŭtoro.

# *Al niaj abonantoj*

*Pro la kreskanta plialtiĝo de la paperprezoj, la mobilizo de multaj samideanoj, la malhelpoj de la cenzuro en pluraj landoj, la gravaj monkurzaj diferencoj, nia gazeto vivas en nefacilaj ekonomiaj kondiĉoj. Por ke ĝi povu daŭrigi sian taskon, aperante same ofte kaj samamplekse kiel ĝis nun, necese estas, ke ĉiuj abonantoj restu al ĝi fidelaj kaj regule repagu sian abonon. Ni konscias, ke aperante eĉ en la nuna tempo nia organo utile servas la interesojn de la Esperanto-movado. Kiu tion komprenas, subtenu nin efike!*

 SOCIA VIVO 

## La japana virino

I

Oni tre admiras la Japanojn, kaj oni estas prava. Sed oni ne admiras ilin pri ilia plej admirinda faro. Ili plenumis multe da eksterordinaraĵoj, tio estas certa. Tamen ĉio, pri kio oni laŭdas ilin, estas nenio — vi aŭdas: nenio — kompare kun la majstreco, per kiu ili havigis al si la hejman feliĉecon. Japanujo, dum jarcentoj, estis efektive kaj ankoraŭ estas la paradizo de la edzoj. Sed oni kredas, ke tio ne plu daŭros longe.

La vivstato trudata al la virinoj, akceptata de ili, estas tia monumento de vira egoismo, ke oni povus meti la monton Fuji[1] mem sur dek Piramidojn kaj cent Himalajojn, ne atingante ĝian altecon. Ĉe certaj popoloj la edzoj enfermas la edzinojn, vualigas ilin, faras el ili sklavinojn. Tiel barbara la Japano ne estas. Se li estus nur timata tirano, li ne estus admirinda. De sia edzino li ĉion atingas, nome la respekton, la obeon, la plaĉemon, la amon, la virton, la ĉarmon (ĉar la japana virino ĉion ĉi posedas), sen ke ŝi iel kredas sin viktimo. Ne ekzistas sur la tero virinoj pli sklavaj kaj samtempe pli feliĉaj. Jen tio, kio meritas admiron. Oni sciis ilin konvinki, ke ilia sola feliĉo estas feliĉigi la edzon, ke alian celon ilia vivo ne havas, ke ili estas humilaj estaĵoj, tute malsuperaj al la viroj. Konvinkite pri tio, ili estas ĝojegaj pri la plej malgranda signo de atento aŭ de simpatio, kiun montras al ili la viro. Estas reala fakto, ke sub la despotismo, pri kiu mi provos prezenti bildon, la japana virino vivis en trankvileco kaj feliĉeco, kiujn ŝi neniam plu retrovos, kaj neniam konis la virinoj de alia nacio.

... Tuj kiam li malfermas la okulojn kaj ekkonscias pri la vivo, la japana knabeto sentas, ke la virinoj estas malsuperaj estaĵoj, kies sola signifo estas lin feliĉigi. Ĉiuj virinoj, kiujn li vidas, servas lin kaj estas feliĉaj lin servi. Neniam lin do ekkaptos dubo pri la justeco de devo tiel ĝoje akceptata, nek pri lia propra supereco, kiun la virino neniel kontestas.

Tiel same la knabineto vidas, ke ŝia patrino kliniĝas antaŭ ĉiuj viroj de la familio, kaj al ŝi ŝajnus abomeninde, se tio ne estus. Ŝi scias, ke oni edzinigis ŝian patrinon, ne demandinte ŝin, kaj ke same estas pri ĉiuj virinoj. Kiel povus ŝin atingi la deziro elekti la propran edzon? Se ŝi sciiĝis, ke ĉe certaj popoloj, la kutimo estas alia, ŝi simple opinias sin tre feliĉa, ke ŝi povas agi alie ol tiuj popoloj, kiuj estas barbaroj, ĉar ili ne havas, kiel la japana popolo, la honoron deveni el diidoj. La juna edzo japana do ricevas sklavinon fieran kaj kontentan pri la propra sklaveco.

La devoj de la virino estis longe priskribataj unu fojon por ĉiam en verko publikigita dum la XVIIa jarcento de la granda moralisto Kaibara. Malgraŭ la novaj leĝoj, ĝiaj ordonoj estas ankoraŭ atentataj nuntempe, precipe ĉe la superaj klasoj kaj krom esceptoj, pri kiuj mi parolos.

La juna edzino apartenas ne sole al sia edzo sed ankaŭ al la gebopatroj. Ŝi aliĝis al nova familio, kaj al la patra hejmo devas fari nur „maloftajn vizitojn". La edzo povas komisii al sia patrino la taskon direkti la edzinon. Tiu patrino rememoras tion, kion ŝi elportis dum sia juneco, kaj ŝi devas konsideri kiel justan repagon la povon super la bofilino. Tiu ĉi lasta cetere jam scias, ke la kvalitoj de la virino devas esti „la obeemo, la mildeco, la ĉasteco, la ĉarmemo kaj la trankvileco". Se ŝi ne havas ilin, la edzo rajtas rompi la edziĝon, kaj li ne timos, ke al lia peto mankos la motivoj, ĉar la edziĝo estas nuligebla en unu el la sep jenaj kazoj: malobeo de la edzino al la gebopatroj, nenaskemo, malbona konduto, jaluzo, naŭziga malsano, maldeca parolo kaj ŝtelo. Tiel Japanujo estas la lando, kie oni plej multe eksedziĝas — post Usono, mi kredas. Aldonu al tio, ke la eksedzineco ne estas por la virino dezirinda stato, ĉar, eĉ se ŝi sukcesas reedziniĝi, ŝi estas malestimata de ĉiuj.

Kaibara klare diris: „Virino ne havas proprajn diojn, ŝi la edzon devas rigardi kiel sian dion, kaj adore servi lin. Ŝi devas lin konsideri, kvazaŭ li estus la ĉielo mem."

La Kodo de Kaibara eĉ sin okupas pri la detaletoj de la vivo. La edzino ellitiĝu la unua kaj kuŝiĝu la lasta. Anstataŭ ripozi post la manĝo, ŝi kudru, teksu kaj ŝpinu. Dum la festotagoj ŝi iru al la preĝejoj kaj aliaj publikaj lokoj nur post la aĝo de kvardek jaroj. Ŝi ne devas tro intime alparoli la diojn, nek longege preĝi. Dum sia juneco, ŝi ne devas intime rilati kun la amikoj kaj kunuloj de sia edzo. La kodo fine enhavas tiun ĝentilaĵon: „La plej malbonaj malsanoj, kiuj atingas la virinon, estas la mallaboremo, la malkontenteco, la klaĉemo, la jaluzo kaj la malsaĝeco. El dek virinoj, sep aŭ ok posedas tiujn malsanojn, kaj ĝuste tio kaŭzas, ke la virino estas malsupera al la viro." Finante, la aŭtoro admonas la gepatrojn, ke ili tion ĉi instruu al siaj filinoj kaj ties tekston kopiigu de tempo al tempo, „ĉar se ili sekvas ĉiujn tiujn ordonojn, ilia hejma vivo estos paca".

Post la morto de ŝia edzo, la devo de la edzino ne finiĝas: ŝi devas al si nigrigi la dentojn, fortranĉi la harojn kaj forrazi la brovojn. Krom tio, estas pli dece, ke ŝi ne reedziniĝu.

* * *

Kio estas ŝanĝita de post Kaibara. Japana verkisto tion respondas en revuo publikigita en Tokjo: „Antaŭ la leĝo, la virino en Japanujo havas nuntempe la samajn rajtojn kaj privilegiojn kiel ŝia edzo, ŝia patro aŭ ŝia frato. Koncerne la ordinarajn oficojn de la vivo, ŝi estas tiel libera kiel la okcidentulino. Sed malgraŭ tio, la subpremado al la virino ankoraŭ vastamplekse ekzistas ... La leĝoj de la lando estas favoraj al la rajtoj de la virino, sed la popolo kontraŭstaras al ĉia ŝanĝo."

Tion povas konstati la Eŭropano dum vojaĝo. Oftege prezentiĝas al li la vidaĵo de Japano, kiu la unua supreniras en vagonon, sekvata de du aŭ tri virinoj, kiuj rapide etendas por la sinjoro molan kovrotukon sur la benketon, kien li sen ia ĝeno kuŝiĝos. Oni poste traserĉos la valizojn, la sakojn, la pakojn por eltiri ĉion, kio povos kontentigi la dezirojn, kiujn li ne ankoraŭ estos espriminta.

Tion ĉi ankaŭ mi ofte vidis: vagono estas tute okupata de vojaĝantoj kuŝiĝintaj kaj dormantaj. Envenas nova vojaĝanto. Oni do devas trovi lokon por li kaj iun veki. La oficisto vekas virinon, kaj pri tio neniu miras, ne pli la novalveninto ol la ceteraj.

La pli multaj virinoj ne deziras, ke okazu ŝanĝo en tiu rilato. Verkisto, S-ro Andreo Bellessort, aŭdis la jenan konfeson de juna japana eksedziĝintino, kiu rompigis la edziĝon, ĉar ŝia edzo volis ŝin traktadi laŭ eŭropa maniero: „Li tedis min per nekutimaj ĝentilaĵoj. Ĉiufoje kiam mi supreniraŭ malsupreniris vagonon, li etendis al mi la manon: tio estis ridinda! Kiam mi silentis, li kredis, ke mi estas malsana; kiam mi ekmarŝis, li timis, ke mi laciĝos. Li ne lasis al mi la tempon plenumi la devojn, kiujn la edzino ŝuldas al la edzo, kaj pri kiuj mia patrino instruis min. Flanke de li mi vivis en konstanta senokupeco. Mi estis

[1] Fama monto en Japanujo.

kvazaŭ princino, kiu logas post si amantan studenton. Tio iafoje donis al mi kelke da malhumileco, sed fine mi estis tedita."

Ĉiuj virinoj ne estas tiaj.

En la grandaj urboj, multaj Japaninoj vidis eŭropajn virinojn, multaj per la jurnaloj kaj per la libroj sciiĝis, ke alia stato ol sklavineco estas ebla al ili. Samtempe la uzinoj donis al la virinoj la eblon laborgajni, tiel ke ili ne plu bezonas la edzan despotismon. La poŝtoj, la telegrafoj, la fervojaj kompanioj bezonis oficistinojn, kaj tiuj ĉi ĉesis esti la servantinoj de la edzoj. Multaj junulinoj nun vivas solaj el la propraj salajroj. Ekzistas nuntempe en Japanujo pli ol cent mil oficistinoj, kvardek mil instruistinoj kaj kvin cent mil uzinlaboristinoj.

*(Daŭrigota.)* *Brieux.*

Trad.[1]: *A. R.*

[1] El vojaĝimpresoj pri *Japanujo*, de la verkisto Brieux, el la Franca Akademio.

---

## Sunitoj kaj Ŝiitoj

Laŭ la eŭropa gazetaro, la angla registaro direktis per la buŝo de la hindaj mahometanoj alvokon al la osmanaj turkoj por konkludo de aparta paco inter la plej grandaj islamaj regnoj en la mondo — Anglujo kaj Turkujo. Kiam Anglujo eltiras hodiaŭ sur la scenejon la tutan mahometanan demandon, ne estos seninterese doni kelkajn mallongajn informojn pri la mahometana mondo kaj pri la religiaj dividoj en ĝi. Malmultaj estas en eksterlando tiuj, al kiuj estas bone konataj la religiaj diverĝoj en la mezo de la Islamo.

Tiuj dividoj datumas jam tuj post la morto de Mahometo. La kaŭzo estis la ĥalifato, t. e. la Mahometa posteuleco. Ĉar Mahometo estis portanto ankaŭ de monda potenco, inter la kandidatoj por liaj posteuloj aperis sangaj disputoj, en kies rezultato kiel plej granda viktimo falis mortigita la Mahometa Ali. Liaj filoj Hasan kaj Hjusein ankaŭ estis mortigitaj en la batalo kontraŭ la forta araba ĉefo kaj kandidato por Ĥalifo nomita Muavie. La batalo apud urbo Kerbel — nun falinta en anglaj manoj — kie estis mortigita Hjusein, formas la plej nigran paĝon en la historio de la mahometanaro, ĉar de tiam datumas ankaŭ la plena divido de la musulmanoj. De tiam la mahometana kulto disvolviĝas en du direktoj: en amo al Ali aŭ en la ortodoksa islamismo, la vera mahometanismo.

Dum tiu ĉi disvolvo aperas la tiel nomitaj imamoj, t. e. tiuj, kiuj klarigas kaj interpretas la dogmojn de la Islamo. De la gento Ali estas dekdu imamoj, la unua el kiuj estas Ali mem, dua estas lia filo Hasan kaj tria lia alia filo, la nomita Hjusein, ambaŭ nepoj de Mahometo. Por parto de la mahometanoj Ali iom post iom fariĝis la plej supera idolo en la kredo, eĉ multaj el ili supozas, ke Ali estas neniu alia ol Dio mem en homa vizaĝo, nome la Diohomo. Tie ĉi jam estas tuŝpunktoj kun la kristaneco. Sed la plej grava el tiuj imamoj estas Djafer Sadek, sesa laŭvice, ĉar li estas fondinto kaj populariginto de tiuj islamaj dogmoj, kies adeptoj nomiĝas „*Ŝiitoj*". La Persoj kaj la plimulto de la mahometanoj en Mesopotamio, kiu longatempe estis sub persa influo, estas ŝiitoj aŭ djaferoj. La diverĝoj inter la ŝiitoj kaj la ortodoksaj mahometanoj estas malnovaj kaj tre grandaj, ĉar la unuaj estas „Alianoj" (de Ali), dum la duaj povas esti nomataj Mahometanoj (de Mahometo).

En la tendaro de la lastaj aperis kvar imamoj (turke, jumejerboa), dum la unuaj 12 imamoj nomiĝas „la dekdu apostoloj" (turke, jumejesnajuŝar).

La kvar imamoj estas, por tiel diri, la apostoloj de la sunitoj (eĥli-sjunet). La unua el ili estas Malik. Liaj adeptoj hodiaŭ troviĝas precipe en Maroko, Alĝerio, Tunizio kaj Tripolitanio. Lia disĉiplo kaj dua imamo estas Ŝafni. Liaj adeptoj iam troviĝis en Egipto, Ŝam, Irak, Ĥorasan kaj Persujo. En Egipto kaj Ŝam poste venkis la instruo de la imamo Ĥanife, kaj en Persujo, Irak kaj Ĥorasan, disvastiĝis la instruo de la ŝiitoj. La alia imamo nomiĝas Ĥanbel, tamen li havas tre malmultajn adeptojn. La plej granda apostolo kaj dogmisto de la sunitoj estas Imamo Aazam (la grandega imamo) Abu Ĥanife. Lia instruo plej multe disvastiĝis en la tempo de la turka potenco. La osmanaj turkoj estas ĥanefistoj. Tiaj troviĝas ankaŭ en Hindujo kaj en Centra Azio paralele kun la ŝiitoj. Oni povas diri, ke la duono de la musulmanoj en la mondo estas ĥanefistoj. Tiaj estas ankaŭ la plimulto de la sunitoj, ĉar estas sufiĉe da sunitoj, kiuj estas adeptoj de la aliaj tri sunitaj imamoj.

Laŭ tio ĉi, la musulmanoj en la mondo dividas sin ĉe unua loko je du kategorioj: je ŝiitoj, sekvantoj de la kulto de Ali, kaj je sunitoj aŭ veraj mahometanoj.

La tuta religia kulto tute diferenciĝas. La ŝiitoj, ekzemple, ne havas turkajn konfirmojn, nek la „ramazanon" (fastmonato de la turkoj). Anstataŭ tiu ĉi, ili havas „nevruzon", en la komenco de l' printempo ili fastas nur naŭ tagojn, kaj tio ĉi nur de akvo, je memoro de la Ali'a filo Hjusein, kiu naŭ tagojn en Kerbel restis sen akvo.

Tiuj du ĉefaj grupoj poste subdividiĝas je multnombraj sektoj kaj subsektoj. Sektoj estas dekdu, kaj subsektoj kvardek-ok. Tiuj ĉi estas nome la dervisaj ordenoj.

La kulto en la moskeoj kaj en la ceteraj diaj temploj estas ekstera kulto (uljumi-zaharie).

Aperas tendencoj por komunikado kun Dio spirite (uljumibatnie) per elĉerpo de la fizika estajo (asketismo). La korpo perdas sian organan forton, kaj la penso akiras flugilan fantazion kaj transjetas sin en la fakon de la metafiziko. Tiu ĉi penso renkontas plu neniajn organajn kaj neorganajn barojn kaj vidas trans montaroj kaj oceanoj. Tie ĉi ni estas ofte en la fako de la halucinoj kaj en la ventego de la hindaj fakiroj, kies nomo en la eklezia lingvo signifas „malriĉaj en spirito".

La dervisaj sektoj estas disvastigitaj ĉie, precipe sur la Balkanoj. Ekz. la tiel nomataj bektaŝoj kredas al la metempsiĥozo kaj per tio tute diferenciĝas de la osmanaj mahometanoj, kiuj forte sin tenas je la paradizo (uĥrevi).

La bektaŝoj eĉ ne rekonas Mahometon kiel profeton, ĉar tia estis nur Ali, kaj li erare fariĝis la Unua. Tiuj bektaŝaj konceptoj estas konataj, krom en ilia pli inteligenta mezo, nur al malmultaj en la mondo, ĉar ĉiuj gardas ilin en granda sekreto.

Tiaj religiaj diferencoj estas multaj en la mezo de la mahometana mondo, kiel estas ankaŭ ĉe la kristanoj. La orientaj kredoj kaj mondkomprenoj kreis herezojn ankaŭ ĉe la kristanoj kiel ĉe la mahometanoj. Malgraŭ tio, kiel ni diris pli supre, ili dividiĝas ĉefe je du grupoj: sunitoj kaj ŝiitoj. Inter la anglaj regatoj estas multaj sunitoj kaj ŝiitoj. Per la unuaj nun Anglujo provas allogi la Osmanajn sunitojn al si.

Laŭ *D. Gadjanoff.*

Trad.: *Iv. H. Krestanoff.*

 LITERATURO 

# La rakonto pri Muhammad Din

de Rudyard Kipling

Rudyard Kipling naskiĝis dum 1865 en Bombay, kiel filo de angla sciencisto. Edukita en Anglujo, li revenis poste Hindujon, kie li estis jurnalisto. Post grandaj vojaĝoj li instalis sin en Usono kiel verkisto; de 1898 li loĝas en Anglujo. Liaj multaj rakontoj, romanoj kaj poezioj faris lin mondfama; plej ŝatataj el ili estas la „Jungle Book" kaj aliaj priskriboj el Hindujo pro la ĉarma kaj trafa observo de la tieaj homoj kaj bestoj.

La polo-pilko estis malnova, malronda, difektita. Ĝi kuŝis sur la kamenbreto inter miaj pipoj, kiujn purigis Imam Din, la hinda servisto.

„Ĉu la Ĉiel-naskito bezonas tiun pilkon?" demandis Imam Din humile. La Ĉiel-naskito ne konsideris ĝin kiel valoraĵon; sed kian utilon povis havi tiu pilko por la servisto?

„Je la favoro de via moŝto, mi havas malgrandan filon. Li vidis tiun pilkon, kaj deziras ludi kun ĝi. Mi ne deziras ĝin por mi mem." Neniu estus nur momente kulpiginta la maljunan, solenan Imam Din, ke li intencus ludi kun polo-pilkoj. Li elportis la eluzitaĵon al la verando, el kie sekvis uragano de ĝojplenaj pepoj, saltadoj de piedetoj kaj la tud — tud — tud de la pilko rulanta sur la planko. Nedube la malgranda filo estis atendinta ekster la pordo por sekurigi sian trezoron. Sed kiel li estis sukcesinta vidi tiun pilkon?

La sekvantan tagon, revenante el la oficejo duonhoron pli frue ol kutime, mi rimarkis en la manĝoĉambro malgrandan estaĵon — eta, sengracia figuro en ridinde malkonvena ĉemizeto, kiu proksimume alvenis nur ĝis la mezo de ĝia ventro. Ĝi rondiradis la ĉambron, la dikfingron en la buŝo, duonbabilante al si mem, kvazaŭ ĝi admirus la pentraĵojn. Certe tio estis „la malgranda filo."

Li ne havis ion farotan en mia ĉambro, sendube, sed estis tiel absorbata per siaj eltrovaĵoj, ke li ne rimarkis min ĉe la pordo. Mi eniris kaj terurigis lin je subita krizo. Li sidiĝis sur la plankon, malfermis grande la okulojn, kaj sekvis la buŝo. Sciante, kio okazos mi forkuris, sekvata de longa, seka kriego, kiu atingis la ejon de la servistoj multe pli rapide ol iam unu el miaj ordonoj. En dek sekundoj Imam Din estis en la manĝoĉambro. Malesperaj ploroj elfluis, kaj kiam mi revenis, mi trovis Imam Din, admonanta la malgrandan pekanton, kiu uzis la ĉefparton de sia ĉemizeto kiel poŝtukon.

„Tiu knabo", diris Imam Din saĝe, „estas malbonulo, granda malbonulo. Nedube li iros en la inferon pro sia konduto." Ripetitaj krioj de la kulpigito — kaj bela pardonpeta parolado de Imam Din al mi.

„Diru al la infano", mi respondis, „ke la „Sahib" (sinjoro) ne koleras, kaj forprenu ĝin." Imam Din klarigis mian pardonon al la krimulo, kiu nun estis kuntirinta la tutan ĉemizon ĉirkaŭ la kolo kiel ŝnuron, kaj la kriegoj kvietiĝis al plorado. Ambaŭ ekiris. „Lia nomo," diris Imam Din, kvazaŭ la nomo estus parto de la krimo," estas Muhammad Din, kaj li estas malbonulo." Liberigata el tuja danĝero, Muhammad Din sin returnis en la patraj brakoj, kaj diris solene: „Estas vere, ke mia nomo estas Muhammad Din, „Tahib", sed mi ne estas malbonulo. Mi estas viro!"

De tiu tago datis mia konatiĝo kun Muhammad Din. Neniam plu li revenis en mian manĝoĉambron, sed sur la neŭtrala teritorio de la ĝardeno ni salutis unu la alian kun multe da graveco, kvankam nia interparolado estis limigata al „Talaam, Tahib" liaflanke, kaj „Salaam, Muhammad Din" de mi. Ĉiutage je la reveno el la oficejo, la blanka ĉemizo kaj la dika korpeto aperis el la ombro de la kreskaĵoj ĉe la krado, kie la infano sin kaŝis. Kaj ĉiutage mi tie haltigis mian ĉevalon, por ke mia saluto ne estu malaŭdata aŭ nedece elparolata.

Muhammad Din neniam havis kunulojn. Li kutimis vagi tra la bieno, en kaj el la ricinaj arbetoj laŭ misteraj vojoj propraj al li. Unu tagon, en malproksima parto, mi renkontis okaze unu el liaj verkoj. Li estis duone enteriginta la polo-pilkon kaj ĝin ĉirkaŭinta en cirklo kun ses duonvelkintaj krizantemaj floroj. Ĉirkaŭ tiu cirklo troviĝis primitiva kvadrato, konstruata el ruĝaj brikeroj alternantaj kun pecetoj de rompita porcelano, kaj ĉio estis denove limigata per mureto el malseka tero. La laboristo de la akvokonduko pledis por la juna arĥitekto, dirante, ke estas ludo de infano, kiu ja nemulte malbeligas la ĝardenon.

La ĉielo scias, ke mi neniam intencis tuŝi la infanan konstruaĵon; tamen, tiun vesperon, promenado tra la ĝardeno kondukis min nekonscie meze en ĝin tiel, ke piedpremante krizantemojn, la termuron kaj la pecojn de la rompita sapujo, mi okazigis ĥaoson neripareblan. La sekvantan matenon mi renkontis Muhammad Din mallaŭte plorantan pro la ruino de mi kontraŭvole kaŭzita. Iu ajn estis kruele rakontinta al li, ke la Sahib tre koleris pro lia domaĝigo de la ĝardeno, kaj ke li disigis lian sterkon dirante minacojn. Muhammad Din laboris tutan horon por forigi ĉiun postsignon de la mureto kaj porcelaneroj, kaj li havis ploreman kaj senkulpigeman vizaĝeton dirante sian: „Talaam, Tahib" kiam mi revenis el la oficejo. Rapida esploro havis la rezultaton, ke Imam Din povis informi Muhammad Din ke, pro mia speciala favoro, li rajtos ankaŭ estonte konstrui laŭplezure. Sekve la infano reprenis kuraĝon kaj skizis en la tero la planon de nova verko, kiu superus la krizantem-polo-pilkan kreitaĵon.

Dum kelkaj monatoj la dika, malgranda strangulo plenumis la rondojn de sia modesta ekzisto inter la ricinaj arbetoj kaj la tero, ĉiam konstruante pompajn palacojn el sekaj floroj, forĵetitaj de la portinto, belaj ŝtonetoj, pecoj de rompitaj porcelanaĵoj kaj el plumoj, mi supozas, ŝiritaj el miaj kokoj — ĉiam sola kaj ĉiam babilante al si mem.

Gaje makulita konko estis unu tagon ĵetita apud unu el liaj lastaj konstruaĵoj; kaj mi atendis, ke Muhammad Din elpensos el ĝi ion eksterordinare belan. Mi ne estis trompata. Li meditis bonan parton de horo, kaj lia mallaŭta babilo fortiĝis je triumfa kanto. Poste li komencis fari la planon en la tero. Certe ĝi estos mirinda palaco, la rando ja mezuris du metrojn da longo kaj unu da largo. Sed tiu palaco neniam finiĝis.

La sekvantan tagon estis neniu Muhammad Din ĉe la enirejo de la bieno, kaj neniu „Talaam, Tahib" por saluti mian revenon. Mi estis kutimiĝinta je la saluto, kaj ĝia manko min maltrankviligis. Tagon poste, Imam Din diris, ke la infano iomete suferas de febro kaj bezonas kininon. Li ricevis ĝin kaj anglan kuraciston.

„Ili ne estas rezistemaj, tiuj hindaj etuloj" diris la kuracisto, elirante el la loĝejo de Imam Din.

Semajnon poste, kvankam mi estus multe doninta por eviti tion, mi renkontis sur la strato al la mahometana tombejo Imam Din, akompanatan de amiko, kiu portis en siaj brakoj, volvitan en blanka tolajo, ĉion kio restis de la malgranda filo, Muhammad Din.

Trad.: *Ed. Stettler.*

---

Hazardo estas malbona gardo.
Espero panon ne donas.
Malpli esperu, pli konsideru.
Fidanta al vorto atendas ĝis morto.
Espero kaj pacienco kondukas al potenco.
Komenco bona, laboro duona.
Plej granda potenco kuŝas en la komenco.
Li estas kompetenta kiel besto pri arĝento.
Li komprenas predikon, kiel bovo muzikon.
Ne fidu fidelulon, fidu propran okulon.
Unu vido taŭgas pli ol dek aŭdoj.

*M. F. Zamenhof.*

(El „Esperanta Proverbaro".)

# ESPERANTO-KONGRESOJ

## Militkunsido de la germanaj Esperantistoj

La militkunsido de la germanaj Esperantistoj okazis en *Leipzig* la 6—8 aprilo kun tre kontentiga sukceso. Partoprenis ĉirkaŭ cento da samideanoj el diversaj urboj de Germanujo. La kunsido havis antaŭ ĉio laboran karakteron kaj celis la preparadon de komuna agado dum kaj post la milito.

La kunvenoj estis majstre prezidataj de Prof. D-ro Dietterle, direktoro de la Saksa Esp. Instituto; S-roj Petzold kaj Wallon funkciis kiel sekretarioj. En la estraro sidis reprezentantoj de Germana Esp.-Asocio (D-ro Steche, D-ro Arnhold, Prof. Christaller), de la Ligo de germanaj Esp. laboristoj (S-roj Hegewald, Rauschenbach, Barthel), de la Akademia Esp. Ligo (Prof. D-ro Schmidt).

Ĉe la unua laborkunsido (6 aprilo), F-ino Hankel raportis pri la laboro de la Esp. Literatura Asocio, D-ro Steche kaj Prof. D-ro Dietterle pri la agado de la Saksa Esp. Instituto en Leipzig. Sekvis interesa parolado de S-ro Feder, el Chemnitz, pri Esp. kaj la lernejoj. La parolinto opinias i. a., ke se oni instruus Esp. dum la 5-a kaj 6-a jaro en la popola lernejo, oni povus konstati dum tiuj du jaroj, kiuj lernantoj havas emon kaj kapablon por lernado de fremdaj lingvoj. Li rekomendas la kreon de komitato el reprezentantoj de popolaj kaj altaj lernejoj por propagandi inter la instruistaro, kaj la eldonadon de speciale Esp. lernolibro por lerneja instruado. En la poste okazinta diskuto oni substrekis la pedagogian valoron de Esp., la neceson propagandi ĉe instruistoj kaj prilabori la fakan gazetaron, sed ankaŭ insistis pri tio, ke la movado devas esti forta por impresi le registarojn kaj oficialajn rondojn.

Je la antaŭtagmeza kunveno de la 7 aprilo, ĉeestis 105 personoj. Prof. D-ro Dietterle malfermis ĝin per tre interesa parolado pri la nunaj kaj estontaj taskoj de la germana Esp. movado. S-ro Hegewald, prez. de la Ligo de germanaj Esp. laboristoj, parolis pri kunlaborado de la diversaj germanaj organizaĵoj kaj prezentis proponojn por tio.

En la posttagmeza kunveno de la 7 aprilo, oni daŭrigis la diskutadon pri organizo de la komuna laboro, kaj decidis krei „germanan Esperanto-centron", aligi ĝin al la Saksa Esp.-Instituto kaj komisii ĝian gvidadon al Prof. D-ro Dietterle kun la helpo de konsilantaro konsistonta el S-roj D-ro Steche, D-ro Arnhold, Prof. Christaller, (por G. E. A.) Hegewald, Rauschenbach, Barthel (por la Laborista Ligo), Feder (por la Akademia Ligo). Por 1919 oni preparos kiel eble plej kompletan liston de ĉiulokaj aktivaj Esp-istoj. Oni anoncis, ke post la milito firmo Ader & Borel ree aperigos Poŝtkalendaron kun adresmaterialo.

Dum la vesperkunveno de 7 aprilo, estis elektita la jena komisiono por la klopodoj rilataj al enkonduko de Esp en la lernejojn: S-roj Feder Direktoro Göhl, D-ro Möbusz kaj instruisto Franck. Post raporto de D-ro Arnhold pri la varbado inter militkaptitoj, oni ankaŭ elektis komisionon por prizorgo de lern-kaj legmaterialo por militkaptitaj Esp-istoj. Ĝi konsistas el S-roj D-ro H. Arnhold, prez., Fr. Ader, F-ino Hankel, S-roj F. Kleiner, Jules Borel, B. Maske, Prof. D-ro Dietterle, R. Voigt.

La Leipzigaj tagoj lasos al ĉiuj partoprenintoj agrablajn impresojn, kaj al ĉiuj donis novan kuraĝon por la estonta agado. Grandan dankon ŝuldas ĉiuj vizitintoj al Prof. D-ro Dietterle tiel pro lia zorga preparo de la kunsido kiel pro lia senpartia gvidado de la laboraj kunvenoj.

* * *

Speciala kunveno de la membroj de UEA okazis la 7 aprilo. S-ro L-to Fleck, antaŭa sekretario ĉe la C. O. de UEA prezidis, S-roj Wallon kaj Nicolai, el Dresden, funkciis kiel sekretarioj. Oni parolis nur Esperante. S-ro Fleck esprimis la esperon, ke baldaŭ povos denove okazi internaciaj kunvenoj. Li priskribis la agadon de UEA dum la milito kaj montris la malfacilaĵojn, kiujn renkontas la C. O. en sia laboro. Sekvis diskuto, en kiu partoprenis S-roj Nicolai, Mahn kaj Prof. D-ro Schmidt. Fine, estis unuanime akceptita la jena rezolucio: „La membroj de UEA, kiuj kunvenis okaze de la militkunsido de la germanaj Esp-istoj en Leipzig (6—8 aprilo 1918), sendas al la oficejo de UEA koran Esperanto-saluton kaj esprimas sian dankon pro la plenumita laboro kun la deziro, ke la estonta agado estu favorata de plej bonaj sukcesoj."

---

## Dua Andaluzia Esperantista Kongreso

Tiu manifestado okazis kun bona sukceso la 21 aprilo en *Sevilla*, dum la semajno de la mondkonata foiro. La kunveno estis aranĝita en la granda salono de la Ekonomia Societo de la Amikoj de la Lando, sub la prezido de S-ro Trinidad Soriano.

Ĉe la labora kunveno, la prezidanto faris interesan raporton pri la stato de nia movado en eksterlando kaj en Hispanujo, kaj li kun plezuro substrekis la lastatempajn progresojn de nia lingvo en diversaj lokoj de Andaluzio.

La agado de la estraro estis aprobita; same estis rilate al la kalkuloj de la financa jaro.

Sekvis diskuto pri la sidejo de la estraro kaj de la kongreso por 1919. Post parolado de S-ro Serrano Olmo kaj diskutado, oni decidis, ke la estraro restu en Sevilla, sed ke la tria kongreso okazu en Cordoba.

Dum la kunveno, S-ro Cimr, el Praha, per bela parolado en nia lingvo salutis la kongreson en la nomo de la bohemaj samideanoj. S-ro Fiol, militista kuracisto, veninta el Larrache, salutis la kongresanojn en la nomo de la Esp-istoj, loĝantaj en la hispana protektorato de norda Afriko. Ankaŭ parolis S-roj Bueno, el San Juan de Aznalfarache, D. Gabriel Alomar, el Palma de Mallorca, Rufs, el Trigueros, k. a. S-ro D. Manuel Garcia, prezidanto de la komercista societo de Córdoba, elokvente parolis pri la utilo de nia lingvo kaj anoncis, ke ĉe la proksima komercista kongreso en Madrid li prezentos proponon pri instruado de Esp. en ĉiuj lokoj, kie ekzistas komercista grupo.

La kunvenon finis komuna kantado de „La Espero". Sekvis agrabla andaluzia festo je la honoro de la kongresanoj kaj vizitado de la foiro.

---

# KRONIKO

Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikaĵojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20ª. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, k. t. p., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.

## Aŭstrio-Hungario.

*Budapest:* La Filatela kaj Esperanta ekspozicio, kiun ni anoncis en la lasta N-ro, okazis de la 13 ĝis la 18 aprilo. La ekspozicio vekis grandan intereson en ĉiuj klasoj de la societo. Inter la vizitintoj estis la persona adjutanto de L. M. imperiestro-reĝo, Ritter von Marterer. Ĉe la malfermo okazis interesaj paroladoj de Prelato Giesswein, membro de la parlamento, prez. de Hungara Esp. Asocio, de S-ro L. Haraszty pri la historio de la poŝto, de S-ro Béla Szász pri filatelio kaj Esp., de S-ro I. E. Kraus pri nia lingvo. Je la 14 aprilo, mortotago de nia Majstro, multaj Esp-istoj de Budapest kaj de la provincoj faris en la ekspozicio militkunvenon, ĉe kiu

oni decidis la reaperon de hungara Esp. revuo. Malgraŭ la nunaj malfacilaĵoj, la Esp. hungara movado ĝojige reviviĝas. — *Czacza:* La tiea pacifista societo „Nemzetközi Élet" (Internacia Vivo) favoras la lernadon de Esp. — *Gyulafehérvár:* La semajna gazeto „Hátszeg es Vidéke" publikigis artikoleton pri la Esp. movado inter hungaraj militkaptitoj en Siberio. — *Hodolany:* S-ro L. Berger malfermis kurson en la komerca lernejo; partoprenas 30 lernantoj. — *Neustift:* S-ro A. Kudela komencis kurson en la monaĥinejo de Franciskinoj; la estrino kun ĉiuj naŭ instruistinoj entuziasme lernas nian lingvon. — *Olmütz:* La kurso en la monaĥinejo de Urzulinoj tre bone progresas. — *Praha:* La Fraŭlina Esp. Rondeto aranĝis festvesperon honore al D-ro Zamenhof. Paroladis Direktoro Eiselt, Prof. D-ro Rosický kaj Prof. Stejskal. Lernantinoj de F-ino J. Šupichova kantis kaj deklamis. — *Ruttka:* Dum granda kunveno de la hungaraj pacifistoj, S-ro Prelato D-ro Giesswein post fervora varbparolado speciale instigis la ĉeestantojn al studado de Esp. — *Salzburg:* D-ro Pezlederer gvidas kurson por unujaraj militistaj volontuloj. — *Wien:* S-ro Prof. O. Simon gvidas kurson en la nova komerca lernejo, kie okazis lumbilda parolado de S-ro Pech.

## Belgujo.

*Antwerpen:* S-ro F. Schoofs komencis novan kurson. — *St. Nikolaas:* Malgraŭ la nunaj cirkonstancoj, nia movado tiel bone eltenas, ke la Esp-istoj de la regiono Waes (Orienta Flandro) organizis kongreseton en St. Nikolaas dum Pentekosto. Oni eldonis glumarkojn.

## Britujo.

*Bristol:* Festo estis aranĝita okaze de la fino de l' kurso. Por la somero bonega programo de ekskursoj estas preparita. — *Edinburgh:* La ĉiujara kunveno de la societo okazis. El la raportoj rezultas, ke nia movado kontentige progresas. Ekzameno okazis kun sukceso. — *Folkestone:* S-ro Montagu C. Butler faris paroladon ĉe la Teknika Instituto. Kiel rezultato estas kurso kun 37 personoj. — *Gateshead-on-Tyne:* La societo kalkulas nun 31 membrojn; la financa stato estas bona. — *Glasgow:* La konsilantaro de la Skota Esp. Federacio kunvenis sub la prezido de S-ro W. Harvey. Ĉeestis delegitoj el Cowdenbeath, Edinburgh, Glasgow, Greenock kaj Leith. Oni aprobis la proponitan ŝanĝon en la regularo de B. E. A. rilate la federaciojn. La ĉiujara kunveno okazos en Cowdenbeath. Estis organizita koncertvespero, por kiu pli ol 200 biletoj estis forvenditaj. La afero bone reklamis por nia lingvo. — *Grimsby:* La societo aranĝis koncerton, kiun 160 personoj ĉeestis. S-ro Clayton, el Burnley, faris trafan paroladon. La teatraĵeto „Saved by a Servant" tiel bone sukcesis, ke ĝi estis poste ree prezentata okaze de koncerto aranĝita de fervojistoj antaŭ 500 personoj. — *Hastings:* Ĉe la jara disdono de la premioj de la vesperaj lernejoj, la ĉefinstruisto faris favoran aludon al la Esp. kursoj, kies rezultato estis tre kontentiga. — *Leeds:* Ĉe la sepa ĉiujara konferenco de la Brita Socialista Partio oni decidis forte rekomendi al la partiaj filioj starigi Esp. kursojn por „instigi amikajn rilatojn inter la popoloj ĉiulandaj". — *Liverpool:* S-ro A. Barton Kent faris paroladon ĉe la kunveno de la „Rotary Club". — *London:* La 17—20 majo devis okazi la jara kunveno de B. E. A. kun Esp. festo, kunveno de UEA, propaganda mitingo kaj memoriga kunveno pri D-ro Zamenhof. Ni raportos pri tiuj faktoj en la proksima N-ro. Nova grupo fondiĝis en Canning Town. En Ilford okazis tre interesa propaganda kunveno; S-ro Butler faris paroladon. — *Norwich:* Ĉiudusemajne okazos helpa kurso por komencantoj. — *Rochdale:* Kurso por komencantoj okazas en la Teknika Lernejo; partoprenas 42 lernantoj sub la gvidado de S-ro E. A. Johnson. — *Sheffield:* En „Sheffield Weekly News" aperis longa artikolo en angla kaj en Esp. lingvoj.

## Bulgarujo.

*Sofia:* Estas fondita de S-ro Gaŝevski centra librejo „Esperanto", 46, str. Mario Luizo. Ĝi jam nun faras grandan bruon pri Esp. kaj bonan komercon de Esperantaĵoj.

## Francujo.

*Alger:* La propagando ĉiam progresas dank' al la agado de S-inoj Mantoz kaj Tiard. Almenaŭ dek lernantoj, instruistinoj, provos la ekzamenon. — *Beauvais:* S-ro Demarcy klopodas starigi kurson specialan por la fremdaj soldatoj troviĝantaj en tiu urbo. — *Narbonne:* Ĉe la laborborso daŭras la kurso, kies lernantoj kun intereso korespondas kun eksterlandanoj. — *Paris:* S-ro Archdeacon faris tre interesan paroladon pri sia vojaĝo en Usono. En la marta kunveno, S-ino E. F. Cense parolis pri la influoj de koloroj al la individuoj, kaj en la aprila S-ro Nels pri la rolo de Esp. en la Societo de Nacioj. S-ino E. F. Cense finis sian kurson ĉe la Laborborso. En Cluny, S-ro H. Thomas, el la lernejo de artoj kaj metioj, faras kurson al kelkaj el siaj kunlernantoj. — *Périgueux:* La Socialista Sekcio de la departemento Dordogne voĉdonis deziresprimon pri alpreno de Esp. kiel oficiala lingvo de la ĉiulanda laboristaro. *Rochefort:* S-ro Prof. Laval gvidas kurson ĉe la laborborso; 45 lernantoj.

## Germanujo.

*Aue:* La grupo de Lössnitz aranĝis novan kurson, kiun gvidas S-ro Büttner; 15 lernantoj. En la metia lernejo S-ro Büttner paroladis pri Esp.; la direktoro de la lernejo permesas al la Esp-istoj ĉiutagan senpagan uzadon de la ĉambroj. — *Berlin:* Ĉe la Esp. Gruparo S-ro Malın faris interesan paroladon pri la temo: „Ĝeneralaj direktlinioj por la postmilita Esp. propagando". Sekvis vigla diskuto. En „Kommenden", organo de la germanaj katolikaj junuloj unuiĝoj, S-ro Mielert atentigis pri la signifo de Esp. — *Dresden:* En la jara ĉefkunveno oni reelektis la estraron. Prez. K. v. Frenckell; vicprez. D-ro H. Arnhold; sekr. F-inoj Zschepank kaj Kühn; kas. S-ro Boden; rev. F-ino Fischer, E. Nicolai. — *Leipzig:* Ĉe la loka ligo, S-ro Bennemann parolis pri Rumanujo. En la societo Leibnitz, la ĉeestantaj gastoj F-ino Jahns, S-roj Prof. Christaller, D-ro Möbusz, Tarnow kaj Salzbrenner interese rakontis pri vivo kaj stato de siaj grupoj. — *München:* Dank' al la klopodoj de S-ro Hechtl, la „Münchner Sprachverein" (Lingva Unuiĝo) decidis akcepti Esp. en sia instrua fako. Tio estas grava progreso de nia afero. — *Regensburg:* La Esp. Lega Rondo enhavas nun 93 membrojn.

## Hispanujo.

*Barcelona:* La societo „Paco kaj Amo" organizis belegan ekskurson. Ĝi aranĝis datrevenan kunvenon je la memoro de D-ro Zamenhof kaj malfermos novan kurson. — *Madrid:* La komitato de la Zamenhofa Federacio eldonis du mil broŝurojn pri la Eccles-eksperimento, hispanen tradukitajn, por propagando en la instruistaj rondoj. — *Santander:* Fondiĝis grupo „Juneco". — *Vendrell:* F-ino M. Juliver publikigis serion de artikoloj en „El Baix Panedes".

## Nederlando.

*Hago:* „De Toekomstige Vrede", organo de la Nederlanda Kontraŭmilita Ligo, publikigis notojn pri nia movado, verkitajn de nia bedaŭrata samideano C. Chr. Droogendijk.

## Norvegujo.

*Kristiania:* S-ro Bruno Rifling paroladis en la filologia asocio. Nia lingvo estas enmetita en la fakaron de ĝia libera instruado.

## Svedujo.

La Excelsior-Asocia komitato por Esp. propagando sendis al diversaj eksportfirmoj kaj komercaj institutoj trafan cirkuleron, kiu precipe celas atentigi pri la taŭgeco de Esp. kiel helpa lingvo por komercaj rilatoj. — *Gävle:* La nova kurso, gvidata de S-ro E. Beckmann, enhavas 25 partoprenantojn. — *Hofors.* Post parolado de S-ro Helsing oni fondis klubon kaj komencis kurson kun 30 lernantoj, gvidatan de instruistino H. Dindberz. Ĉe Kristanaj Junaj Viroj S-ro Helsing faris paroladon; kurso malfermiĝos en aŭtuno. — *Stockholm:* La Esp. Societo reelektis sian malnovan estraron.

Prez. S-ro Nylen; vicprez.-sekr. S-ro Larson; kas. F-ino Josefson; rev. F-ino Hemberg kaj S-ro Skog.

## Aŭstralio.

*Brisbane:* La klubo rekomencis kunveni. Notoj pri Esp. aperas en „Stead's Review". Kursoj estis aranĝitaj. — *Melbourne:* Malgraŭ la milito, la societo kreskis. Ĝia raporto montras, ke la movado tie prosperas. Multaj artikoloj kaj notoj aperis en la gazetaro. — *Sydney:* Okazis la jara kunveno de la Zamenhofa klubo. De post la lasta jara kunveno la membraro kvarobliĝis, precipe dank' al la artikoloj ĉiumonate aperantaj en „Stead's Review", granda aŭstralia revuo, gvidata de la filo de nia bedaŭrata samideano W. T. Stead.

## Ĥinujo.

*Canton:* S-ro Kon Sen-Lu restarigis la grupon. — *Nanking:* Oni fondis novan grupon sub la nomo „La Verda Stelo".

## Japanujo.

*Yokohama:* La kompanio „Swiss-Japanese Trading Co." (drogajoj, ĥemiaĵoj, farboj), 92, Yamashita-Cho, uzas Esp. por sia korespondado.

---

# DIVERSAĴOJ

∴ **Ĉe la tombo de Doktoro Zamenhof.** — Dimanĉon la 15 aprilo, je la dekdua horo, kunvenis preskaŭ ĉiuj Varsoviaj samideanoj por ĉeesti la diservon, kiu okazis ĉe la tombo de nia kara majstro Zamenhof. Post la religia ceremonio, parolis en la nomo de Pola Esp. Societo S-ro Essigmann, poste en la nomo de l' Unua kvartala Esp. rondo S-ro Jarecki, kiu petis pardonon de la majstro, ke liaj samlandanoj ne sciis taksi lian laboron.

Post tio S-ro Antoni Grabowski transdonis al S-ino Zamenhof la plej laste eldonitan libron „Sinjoro Tadeo" (belega kaj plej fama poemo de l' pola poeto Adam Mickiewicz, tradukita de A. Grabowski, kiun nia majstro ofte deziris vidi tradukita). S-ino Zamenhof varme dankis.

Sekvis diverspoza fotografado, kaj post vizito al la tombo de Markus Zamenhof (patro de la majstro) ĉiuj disiris. Sur la tombon estis metitaj floroj kaj kronoj.

La sekvantan dimanĉon publika kunveno estis aranĝita je la memoro de nia neforgesebla majstro.

∴ **Esperanto kaj infanoj.** — La propagando de nia lingvo ĉe infanoj, komencita en Britujo, ekdisvastiĝas alilanden. En la Berlina instituto „Paulinum" okazis Esp. ekzameno de kvar infanoj — du knaboj kaj du knabinoj en la aĝo de 10—14 jaroj — aranĝita de nia fervora samideano Georg Mahn, kies proponon pri instruado de Esp. al infanoj oni povis legi en N-ro 205/206 (9/10, 1917) de tiu ĉi gazeto. La sukceso laŭ pedagogia vidpunkto estis rimarkinda; ĝi montris kiel la infanoj, sen ia limigo de iliaj hejmaj lernejtaskoj, povis, post nur kvarmonata lernado, sufiĉe ekkoni la strukturon de nia lingvo. Ili klare kaj certe respondis en Esperanto demandojn pri historio de la lingvo, vortfarado, kalkulo, geografio, tiel ke la ĉeestantoj havis plenan bildon de ekzameno per Esp. S-ro Pastro Anhalt, direktoro de la instituto „Paulinum" esprimis sian kontentecon pri tiu plena sukceso kaj montris, ke Esp. estas altgrade kapabla plialtigi la lingvan komprenon ĉe infanoj, kaj ke en alia lingvo simila rezultato ne estus atingebla; li anoncis, ke por la diligentaj lernantoj la Esp. instruado estos daŭrigata. Ekspozicio de Esp. gazetoj kaj libroj pruvis al la ĉeestantoj la disvastiĝon de nia movado. Post kiam S-ro Mitschke estis rakontinta siajn praktikajn spertojn pri Esp. en Anglujo, la kvar junaj ekzamenitoj ricevis de S-ro Pastro Anhalt la esperantan verdan stelon.

Oni kiel eble plej multe kaj diversloke aranĝu similajn eksperimentojn, kiuj nedubeble pruvas la pedagogian valoron de nia lingvo kaj per faktoj konvinkas pli facile la instruistajn rondojn ol multaj broŝuroj.

∴ **Esperantista Literatura Asocio.** — Oni petas nin represi la regularon de tiu ĉi organizaĵo, kies prezidantino estas S-ino M. Hankel, Nicolaistr. 18, Dresden, kaj sekretario S-ro J. Zschepank:

Motivo kaj celo: 1. Konatiĝo inter la verkistoj. — 2. Reciproka helpo. — 3. Evito de malhelpa konkurado, ekz. samtempa eldono de egala aŭ simila ellaboraĵo, duobla traduko de l' sama verko, k. t. p. — 4. Perfektigado de nia literaturo.

Ĉiu Esperantisto povas fariĝi membro, kiu per libro, gazetartikoloj aŭ poemoj pliriĉigis nian literaturon. Membro ankaŭ povas esti persono, kiu science, fake aŭ mone subtenas la unuiĝon. Pri la aliĝo de societoj oni pli malfrue diskutos.

Kondiĉoj: 1. Jara kotizaĵo: unu spesmilo, pagota en la komenco de la unuiĝa jaro, t. e. aŭgusto. 2. Korespondado per respondpago. 3. Fideleco al la Fundamento.

∴ **Esperanto kaj literaturo.** — La B. E. A. Literatura kaj Debata Societo organizas literaturan enketon, kiu ankaŭ povus esti aranĝota rilate al aliaj landoj.

Jen la demandoj, kiujn ĉiu interesulo povas respondi laŭ la adreso: Ch. H. Edmonds, 254, Wightman Rd., London:

1. Kiun verkon anglan, ĝis nun ne tradukitan, vi elektus por tradukado por konigi nian literaturon al fremdulo?

2. Laŭ via opinio, kiun specon de verko oni plej multe bezonas en Esperanto? Ekz. humoraĵajn, klasikajn, romanajn, k. t. p.

3. Kiun verkon de la Esperanto literaturo vi plej ŝatas de literatura vidpunkto?

4. Kiun jam eldonitan verkon tradukitan el la angla lingvo vi plej ŝatas de literatura vidpunkto?

5. Nomu, laŭorde, la ses anglajn verkojn, kiujn plej plaĉus al vi legi en Esp. (Verkoj ankoraŭ ne tradukitaj).

6. Ĉu oni multe bezonas iun specialan vortaron? Se jes, difinu ĝin.

7. Laŭ via sperto, ĉu oni bezonas novajn instrulibrojn? Ekz. gramatik- aŭ leglibrojn. Se jes, diru por kiu celo kaj priskribu la bezonatajn librojn.

---

# TRA LA GAZETARO

∴ *„British Esperantist"* (majo). Artikolo pri la rilatoj de B. E. A. kun la federacioj, kies utileco estas plene rekonata. Kroniko, kiel kutime faktoriĉa. Alvoko de la propaganda komitato de B. E. A. por krei fondaĵon pri reklamiloj kaj libretoj por propagando en instruistaj rondoj; £ 27 jam estas kolektitaj. Libraro kaj gazetaro. Alilandaj sciigoj. B. E. A. literatura kaj debata Societo, k. t. p.

∴ *„La Eklezia Revuo"* (marto-aprilo). La Eklezia mondo, notoj pri diversaj religiaj faktoj. La proponata nova lekciaro de la anglikana Eklezio. La kimra Eklezio kaj ĝia nova reĝimo. La soldato, versaĵo de Rupert Brooke, tradukita de M. C. Butler. La kavaliro Roĝer ĉe sia hejmo, de Addison. Se, versaĵo de Rudyard Kipling. Kroniko de la Eklezia Esp. Ligo. (Oni anoncas, ke la anglikana preĝlibro estas tradukita Esp., oni monkolektas por ĝin baldaŭ presigi.)

∴ *„Esperanto-Monthly"* (aprilo). Humora numero, kun la subtitolo „Kontraŭ doloro, bona humoro". Rakontoj de Harrison Hill, John Merchant, Artemus Ward. Praktikaj sugestoj por instrui Esp. al infanoj, de Miss E. Hogg (angle), k. t. p.

∴ *„La Espero"* (aprilo). Svedlingvaj propagandaj artikoloj. Kroniko. Pri Bulgarujo, priskribo de I. Krestanoff. En la brulanta vilaĝo, rakonto de Ludwig Ganghofer. Libroj kaj gazetoj. Listo de la membroj de UEA en Kristiania, k. t. p.

.·. „*France-Esperanto*" (januaro-februaro). Daŭrigo de tre interesa parolado de Prof. Aymonier ĉe la Zamenhofa festo (france kaj Esperante). Kroniko. El la vivo de Esperantistoj dum la milito, k. t. p. La unuan paĝon de tiu ĉi kajero ornamas bildo de Leŭtenanto Saldanha Carreira, el Lisbono, la unua, kiu oficiale portas la Esperantan insignon. L-to Saldanha Carreira estas nun ĉe la franca fronto, kie li ankaŭ propagandas nian lingvon.

.·. „*Germana Esperantisto*" (majo). En eldono A, detala raporto pri la militkunsido de la germanaj Esp-istoj en Leipzig. Kroniko. La Gazetaro kaj Esp. Diversaj komunikoj. Esp. ekzercoj. — En eldono B, memoriga artikoleto pri la morto de D-ro Zamenhof. Literaturajoj. Amuza rakonto pri la negra respubliko Liberio. Bibliografio, k. t. p. — En la scienca aldono „*Esperanto-Spiegel*", interesa letero de Majoro a. D. v. Tschudi, komitatano de la Aero-klubo en Berlin, pri la grava signifo de Esp. por la aerveturado, kun redakcia komentario.

.·. „*Le Monde Esperantiste*" (marto-aprilo). Neniam Esperanto mortos, de J. Solsona. Daŭrigo de la polemiko kun S-ro Michaux pri la „Romanal" (tiom multe la loko en Esp. gazeto ne meritas la petolaĵoj de S-ro Michaux). Kroniko. Militaj rakontoj, de Alexis Tolstoj (daŭrigo).

.·. „*Teknika Revuo*" (marto-aprilo). Nova ŝanĝo en la alfabeto uzata de tiu gazeto: S-ro de Saussure reakceptas la supersignajn ĉ kaj ŝ, sed ankoraŭ konservas q (= ĝ), y (= ĵ), x (= ĥ), w (= ŭ) — solvo tute hibrida kaj certe ne pli daŭra ol la antaŭaj. Sed S-ro de S., realpreninte ĉ kaj ŝ, estas sur la bona vojo, kiu lin kondukos al la reakcepto de la aliaj supersignaj literoj kaj al la fino de la serĉado de nova alfabeto. Tiu ĉi N-ro de T. R. jam havas sciencan artikolon de D-ro W. Winsch, tute presitan per Zamenhofa ortografio. Aliaj espereble sekvos.

.·. Aliaj ricevitaj gazetoj: „*Amerika Esperantisto*" (novembro), „*Esperanto-Raporto*", Danujo (aprilo), „*Internacia Bulteno*", germana informilo pri la milito (aprilo), „*Japana Esperantisto*" (februaro).

.·. La grava Nov-Jorka ĉiutaga jurnalo „*Evening Post*" publikigis tradukon de la artikolo pri la unua kongreso de la Laponoj, aperinta en la septembra-oktobra N-ro de nia gazeto. La tradukon faris S-ro K. G. Fritzsching, membro N-ro 8211.

.·. S-ro Iv. Krestanoff aperigis en la bulgara jurnalo „*Zarja*" tradukon de la artikolo „Internacia ordo kaj internacia lingvo", de H. Hodler, aperinta en la decembra N-ro de nia gazeto.

* * *

Novaj gazetoj lastatempe aperintaj:

.·. „*Bulteno de la Kataluna Esperantista Federacio.*" (N-ro 1, februaro). Monata organo de la Kataluna Esp. Federacio. 8 paĝoj, formato: 30×20 cm. Abono: 2 pesetoj enlande, 3 pesetoj eksterlande. Redaktejo: 55, Via Massagué, Sabadell (Hispan.)

La lastan jaron, la organo de la Kataluna Federacio „Kataluna Esperantisto" bedaŭrinde ĉesis aperi, kaj tio havis plej malbonan influon je la vivo de tiu antaŭe tre agema federacio, kiu tiam ekdormis... Feliĉe, tiu dormado ne longe daŭris. Granda kunveno okazinta en Sabadell antaŭ nelonge alprenis diversajn decidojn por ebligi revigligon de la Federacio kaj antaŭ ĉio reaperon de presorgano. Jen la enhavo de la 1a N-ro: Kion ni celas. Eksterordinara kunveno de Katalunaj Esp-istoj en Sabadell. Pensoj, de Campoamor. La kurbo de l'progreso, M. S. Oliver. La lukto kontraŭ la tifo, D-ro Ox, k. t. p. — Al la nova bulteno ni kore deziras longan vivon, kaj esperas, ke ĝi efike helpos al la plena revigliĝo de la Esp. kataluna movado. Dum la milito, la neŭtraluloj ja havas specialajn devojn al nia afero.

.·. „*Esperantia Bulteno*" (N-ro 1, marto). Informilo de la Barcelona Delegiteco de UEA. 8 paĝoj, formato: 22×14 cm. Prezo: (ne montrita). Adreso: 1, Asturias, Barcelona.

Tiu ĉi Bulteno aperas kiel informilo de la Barcelona Delegiteco de UEA; ĝi penos diskonigi nian Asocion en Katalunujo kaj havigi al ĝi novajn amikojn. Krom tio ĝi estos je la dispono de ĉiuj grupoj kaj Esp-istoj por la publikigo de iliaj raportoj kaj pensoj rilataj al nia afero. Enhavo de la 1a N-ro: Saluton! de Fr. Gorgues, Del.; Nia celo, de Fr. Piñol. Esperantia parto (regiona kunveno de UEA.) Listo de la Barcelona Esp-ianaro. Pri la verda signo, versaĵo de E. A. C. Nia devo. Esp.-movado. — Al la laŭdinda iniciato de niaj Barcelonaj samasocianoj ni deziras la plej bonan sukceson. Estu kiel rezultato multaj novaj membroj de UEA en Katalunujo!

.·. „*Esperantista Voĉo*" (N-ro 1, aprilo). Kvarpaĝa (24×16 cm) bulteno, monata organo de la Societo Esperanto en Krakow. Abono: 3 kr. duonjare. Adreso: Salo Grenkamp ĉe Los. Kraków. Szlak 57.

Enhavo: La 14 aprilo, nekrologia noto. Alvoko de la redakcio. La interna ideo de Esp. de O. Maschl. El la mondo Esp. (aŭstria kroniko).

Ni plezure salutas la aperon de tiu bulteno, nun la sola Esp. gazeto aperanta en Aŭstrio.

.·. „*Hispana Esperantisto*" Ilustrita revuo monata, oficiala organo de „Zamenhofa kaj Andaluzia Federacioj". Abono: 5 pesetoj. Adreso: S-ro Julio Mangada Rosenörn, 96, San Bernardo, Madrid.

Pro la kapricoj de la cenzuro ni nur lastatempe povis fine ricevi la supre nomitan gazeton, kiu regule aperas ĉiumonate de la 1 januaro 1917. Presita sur luksa papero, tiu deksespaĝo revuo (formato: 23×16 cm), bone redaktita, zorge presita, honoras la sindonemajn samideanojn, kiuj entreprenis ĝian eldonadon. Ĉiu kajero enhavas rakontojn, literaturaĵojn, versaĵojn, artikoletojn pri nia movado, kronikon, bildon de konata hispana samideano kaj bonajn ilustraĵojn de hispanaj vidindaĵoj, precipe katedraloj kaj monumentoj. Jen ekstrakto de la decembra ĉefartikolo, post unujara apero:

„... Mi venkis la unuan jaron, la plej terura jaro por ĉia entrepreno esperantista. Mi celis de la unua momento kontentigi ĉiujn gelegantojn. Ĉu estas eble fari pli ol mi faris? De la dua numero mi estis deksespaĝa, multaj kaj belaj bildoj aperis sur miaj paĝoj, kaj aparte mi donacis esperantajn broŝurojn... Mi estis, dum ĉi tiu jaro, efika ligilo inter multaj Esperantistoj el hispanaj regionoj, kaj efike influis por veki Esperantistojn, kiuj laciĝis kaj kiujn milito malkuraĝigis; ree ili respondis entuziasme al mia alvoko, kaj novaj grupoj fondiĝis..."

Al la nova „*Hispana Esperantisto*" ni deziras longan vivon, kaj esperas, ke de nun la cenzuro ne kontraŭstaros al tio, ke ni regule ĝin ricevu kaj pri ĝia enhavo ĉiumonate raportu.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

### Garantia kapitalo.

**Listo de garantiantoj** (Dua parto)

| | | Frankoj |
|---|---|---|
| | Antaŭa listo | 1750 |
| 15. | John Smith Clough, Folkestone | 125 |
| 16. | H. R. H. Coxe, Batheaston (Angl.) | 125 |
| | Frankoj | 2000 |

Unu atesto de la Garantia Kapitalo kostas 125 Fr. (svisa valoro). Oni povas mendi unu aŭ plurajn atestojn. Ĉiu Garantianto estas dumviva membro de UEA kaj senpage ricevas la luksan eldonon de „Esperanto". Mendojn de atestoj oni bonvolu adresi al la Centra Oficejo de UEA. La sumo estu pagata plej malfrue tri monatojn post la promeso al UEA, aŭ prefere al la banko, kiu kvitancos la ricevon. Adreso: Kantonalbank Bern (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbankkonto 1020, Svisa poŝta ĉeko III, 106].

* * *

La du supraj paĝoj kiel tiuj de S-roj Hechtel (München), Donker (Amsterdam), Cottrel (Washington), publikigitaj en la lastaj N-roj, estas la afabla respondo al nia financa raporto kaj decembra alvoko. Sincere dankante la novajn Garantiantojn (unu Usonano, unu Germano, unu Nederlandano kaj du Britoj), ni esprimas la esperon, ke sekvos multaj pliaj mendantoj. Sur la neŭtrala fundamento de Esperanto kaj de svisa administrado povas pace kunlabori la personoj kaj moneroj el ĉiuj landoj por celado ne kontraŭ-, sed supernacia, kiun reprezentas UEA. Disvastigi per la lingvo de nia Majstro ideojn komunajn al la homaro estas la bela tasko de nia Asocio, tasko utila antaŭ la milito, post ĝi necesega. Helpu do per via simpatio, kunlaboro kaj oferdono, ke tiu fortikaĵeto de internacia solidareco povu elteni la krizon.

**Kotizajoj por 1918.** — Je la 30 aprilo estis enkasigitaj 1137 kotizajoj (el kiuj 87 subtenantoj). Krom tio estas 162 dumvivaj membroj. Sume: 1299. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 38.

**Statistiko de la korespondajoj.** — Movado de la korespondajoj dum la monato aprilo:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
| --- | --- |
| 353 | 218 |

*Tuta sumo*: 571. (Antaŭa monato: 635.)

**Subtenantaj membroj.** — Estas subtenanta membro de UEA ĉiu persono, kiu por helpado al la Asocio bonvolas pagi minimuman kotizajon da 5 Frankoj.

*Sesa listo*:

78. E. Andrews (Cotherstone, Angl.). — 79. E. Rian (Trondhjem, Norveg.). — 80. Nio Hoei Ting (Makassar, Insuloj Celebes, Nederl. Indio). — 81. K. Wagner (Hermanstadt, Hungar.). — 82. F-ino L. Breguet (Neuchâtel, Svis.). — 84. O. Haller (Rorschach, Svis.). — 85. S-ino F. Hintz (Lodz, Pol.). — 86. H. Jakob (Freiburg i. Br., German.) — 87. H. Nusslein (Regensburg, German.).

**Novaj Delegitoj.**

*Kristianstad* (Svedujo). — D.: S-ro Nils Nordlund, Altlerneja Adjunkto, Vasagatan I.

*Werdaŭ* (Germanujo, Saksujo). — D.: S-ro Friedrich Fleck, Göthestr. 21.

*Zwolle* (Nederlando, Overijsel). — D.: S-ro H. J. Nieuwenkamp, komercoficisto, Deventerstraat 77.

**Adresŝanĝo.**

Sheffield (Anglujo). — D.: S-ro Maurice Pearson, bankoficisto, 26, Wilson Rd.

Provizore ne plu estas Delegitoj en jenaj regionoj: *Stavenisse* (Nederlando), *Rosario de Santa Fé* (Argentino).

# Esperantista Parolejo

## La plej rapida vojo

*Kelkaj vortoj pri komitato por komuna komerca lingvo*

De tempo al tempo ni legas en niaj gazetoj artikolojn pri la propagandado kaj, kvankam ili estas bonegaj, preskaŭ ĉiuj rilatas sole al la frateca vidpunkto kaj tute ne traktas pri la vere praktika flanko, la komerca propagando. Se okaze aperas paragrafo aŭ anonco pri iu faro en tiu direkto, tuj aŭdiĝas de la kolombejo de la nekomercemuloj flustroj pri „tro da komercemeco en la Esperanto-movado," kaj la kompatinda redaktoro suferas pro la kulpoj (?) de la komercemuloj. Nu, ĉiu bona Esperantisto scias, ke la lingvo ne estas speciale kreita por iu aŭ alia fako de la socio, sed por ĉiuj. Do, ĉiu havas la rajton uzi kaj propagandi la lingvon laŭ sia propra volo, sed se iu rimedo prezentas pli rapidan vojon al la fina venko por Esperanto, kial do ne plenforte utiligi ĝin? Ni ne timu pri la ideala celo, la *ismo* nepre kaj nature sekvos la ĝeneralan alprenon de la *lingvo*.

Rezulte de la terura mondmilito, nenia dubo estas, ke la internacia komercistaro multege profitus per la baldaŭa alpreno de komuna komerca lingvo, kaj neniu taŭgas pli bone ol Esperanto. Sed la komercistaro ĝis nun ĉiam kredis, ke nia lingvo estas nur frenezaĵo, precipe ĉar nenia praktika elmontro pri ĝia efiko estis farita. Pro konvinko pri tiu punkto, aranĝiĝis en 1916—17 la Internacia Eksperimento, kiu havigis al la komerca mondo nerefuteblan pruvon pri la utileco de Esperanto, kaj, kiel sekvo, stariĝis en Londono komerca komitato (Common Commercial Language Committee), kies kredo kaj celo estas jenaj:

La ĝenerala alpreno de Esperanto en la komerco alportus grandan profiton. Por estigi tiun alprenon estas necese propagandadi kaj reklamadi grandmezure, kvazaŭ komerce. Tiu laboro postulas monon kaj, ĉar la komercistaro ricevus tujan kaj grandan profiton de la alpreno, logike estas, ke tiu fako de la socio devus trovi la rimedojn por atingi la deziratan celon. Do, ni klopodu interesi kiom eble plej multe da komercistoj, por ke ili aldonu siajn fortojn (monajn kaj aliajn) al afero, kiu certe donos naciajn kaj internaciajn profitojn. La celo de C. C. L. C. estas faciligi kaj kreskigi la internacian komercadon pere de Esperanto, kaj tio estos atingita nur post intensa propagandado ĉe la komercaj rondoj de la diversaj landoj."

Kompreneble, tia laboro farita nur en unu lando ne multe efikus, se la komercistoj en aliaj landoj nenion scias pri Esperanto. *Urĝege estas* do, ke la viglaj kaj praktikaj samideanoj en ĉiuj landoj tuj kunlaboru al la sama celo kaj starigu komercajn komitatojn, kiuj agos sammaniere kaj akorde kun la Londona komitato.

Jam el kelkaj landoj venis leteroj simpatiaj kaj promesoj pri kunlaboro, sed plej ofte akompanataj de bedaŭroj pri la malmulto da komercistoj esperantemaj, kaj petoj pri programo. Ĉar antaŭa sperto estas ĉiam helpa, ni diru ion pri la ĝisnunaj faroj de C. C. L. C.

Unue, areto da konvinkitoj kunvenis por konsideri la eldonon de propagandiloj kaj decidis presigi broŝuron („An Appeal to Patriotism and Common Sense"), kaj cirkuleron kun demandaro, per kiuj oni faris enketon inter la gravaj komercistoj en Britujo. Tiom sukcesis tiu enketo, ke estis decidite tuj plifortigi la laboron per starigo de (se eble) milfunta kaso, kies nukleon trovis la unua komitateto. Plue, por altiri pli da komercistoj (kaj ilian monon) la komitato sin okupis pri la aranĝado de paroladoj farotaj en komercaj rondoj, paj lastatempe prosperis ekirigi tiun programon per kunveno en la Mansion House (urbestra domo), kiun prezidis la Lord Mayor, ĉefparoladis S-ro A. Barton Kent. Lord Southwark, konvinkita de la parolado, invitis refaron speciale por la Edukada Komitato de la Londona Komerca Ĉambro, kies prezidanto li estas.

La sekvoj de tiu ĉi kunveno certe estos tre gravaj por nia movado, precipe kiam la influo de similaj kunvenoj estos sentata en aliaj centroj.

Se ni povas konvinki la komercistaron tutmondan per la laboro de niaj komercaj komitatoj, la registaroj baldaŭ estos petataj de laŭta popola voĉo instruigi Esperanton en ĉiuj lernejoj; kaj en tiu tago la sonĝo de nia amata Majstro efektiviĝos. *Antaŭen, do, al la batalo, ĉiu lando starigu komercan komitaton, kaj la fina venko por Esperanto baldaŭ rekompencos la laborjarojn pasintajn. S. R. Marshall, Hon. Sek., C. C. L. C., 57, Muirkirkroad, Catford, London, S. E. 6. — Aliaj gazetoj bonvole represu.*

# Lingvaj Studoj

## Pri la supersignaj literoj

II

### Ĝ

La samajn konstatojn ni faros ekzamenante la vortojn kun la supersigna litero *ĝ*. En la latinidaj kaj en la angla lingvoj, *g* havas du sonojn laŭ tio, ke ĝi troviĝas antaŭ *a*, *o*, *u* aŭ antaŭ *e* kaj *i*. En la unua okazo oni prononcas ĝin kiel nian Esperantan *g*; en la dua, la angloj, italoj kaj rumanoj prononcas *ĝ*, la francoj *ĵ*, la hispanoj proksimume *ĥ*. Doni al *g* la du sonojn, molan kaj malmolan, estus grava rompo de la fonetika principo; plie ĝi en Esperanto estus neebla pro la finaĵoj *a*, *e*, *i*, *o*, *u*. Doni al *g* ĉiam la malmolan sonon estus kripligi la fonetismon de multaj vortoj, kiuj estas elparolataj kun la mola sono en la lingvoj angla, franca kaj itala. Doni al mola g la formon j kripligus la aspekton de multaj vortoj kaj plie estas neebla en nia lingvo pro la gramatika strukturo, kiu nepre postulas, ke la duonvokala sono *i* havu la formon *j*. Restas do nenia alia solvo ol diferencigi la molan sonon el la malmola per almeto de supersigno al *g*. Dank' al tio, sen ia peko kontraŭ la fonetika principo, vortoj kiel *ĝermo*, *ĝeni*, *ĝibo*, *ĝirafo*, *anĝelo*, *arĝento*, *danĝero*, *forĝi*, *manĝi*, *rifuĝi*, *venĝi* kaj multaj aliaj konservas en Esperanto la aspekton, kiun ili havas en la naciaj lingvoj. Ili certe estas pli facile rekoneblaj ol estus *jermo*, *jeni*, *jibo*, *jirafo*, *anjelo* aŭ *qermo*, *qeni*, *qibo*, *qirafo*, *anqelo*, au *yermo*, *yeni*, *yibo*, *yirafo*, *anyelo*, k. t. p. aŭ *djermo*, *djeni*, *djibo*, *djirafo*, *andjelo*, aŭ *dyermo*, *dyeni*, *dyibo*, *dyirafo*, *andyelo*, kiel proponis „fonetikistoj", malmulte zorgemaj pri la deveno de la vortoj. La litero *ĝ* evitas tiujn abomenaĵojn, kaj permesas kiel eble plej respekti la grafismon de la vortoj, kiu rilate al la memoriĝo ne estas malpli grava ol la fonetismo. Ni eĉ opinias, ke estus pli ĝuste skribi *arĝilo*, *diliĝenta*, *ĝenuo*, *ĝesto*, *stranĝa* ol *argilo*, *diligenta*, *genuo*, *gesto*, *stranga*, ĉar en la lingvoj, el kiuj devenas tiuj vortoj, oni prononcas g kun la mola sono.

### Ĥ

Tiu sono ne estas tute internacia.[1] Tamen ĝin posedas la hispana lingvo (*j*), la germana (*ch* malmola) kaj la pli multaj slavaj lingvoj (*x* en rusa, *ch* en pola). Ĝi do jam tial estus necesa por la transskribo de propraj nomoj. Sed ankaŭ ĉe kelkaj komunaj nomoj, precipe de greka deveno, ĝi estas utila, ĉar ĝi permesas parte konservi la grafismon de la vortoj. Ekz.: *ĥemio* (A. *chemistry*, F. *chimie*, G. *Chemia*, I. *chimica*, H. *quimica*, R. *xemia*) pli respektas la grafismon ol *kemio*, ĉar en neniu lingvo oni uzas *k*, plie ĝia prononco estas konforma al la rusa, pola kaj germana. Same estas rilate al *ĥaoso*, *ĥimero*, *ĥolero*, *ĥoro*, kie *h* rememorigas la grafismon de la plimultaj lingvoj dum la prononco estas slava kaj parte germana. Cetere, ĉe *ĥolero* kaj *ĥoro*, la litero *k* ne povus anstataŭi *ĥ*, pro kolizio kun la radikoj *koler'* kaj *kor'*. Post *r*, oni kutimis anstataŭi *ĥ* per *k*, ĉar *rĥ* estas malfacile prononcebla. Ni tamen rimarku, ke en formoj kiel *arĥipelago*, *arĥitekturo*, *monarĥo*, *ĥ* pli respektas la grafismon ol *k*, kiu estas uzata en neniu lingvo. Domaĝe estus tute forigi la sonon *ĥ* el nia lingvo, ĉar ĝi estas energia kaj majesta, kaj plialtigas la sonriĉecon de Esperanto. Plie, kiel dirite, ĝi estas tre utila por la ĝusta transskribo de propraj nomoj, precipe slavaj kaj malnovgrekaj. (Ekz.: *Astraĥan*, *Ĥarkov*, *Ĥarbin*, *Aĥilo*, *Aĥajo*, Anĥizo, k. t. p.)

[1] Ni ĉi-okaze rimarku, ke la Esperanta alfabeto enhavas sonojn, kiuj ne estas tute internaciaj, t. e. ne apartenas al ĉiuj ĉefaj eŭropaj lingvoj. Se oni volus ĝin konsistigi nur el tiuj sonoj, kiuj troviĝas en ĉiuj eŭropaj lingvoj, oni devus elimini *c*, *ĉ*, *ĝ*, *ĥ*, *ĵ*, *ŝ*. Tiam la alfabeto fariĝus tro malriĉa. La formo de multaj vortoj devus esti kripligata, kaj la lingvo estus pli unutona kaj malpli belsona.

### Ĵ

Antaŭ ol paroli pri *ĵ* estas necese diri kelkajn vortojn pri *j*. Konsiderante la strukturon de la Esperanta gramatiko, kiu postulas la akordiĝon de la adjektivo kun la substantivo kaj akuzativan kazon (ambaŭ necesajn por ke la lingvo estu fleksebla kaj ne bezonu rigidajn konstruregulojn), oni konvinkiĝas, ke nenia alia sono ol *j* povis esti uzata por la multenombro, ĉar ĝi estas la sola, kiu facile ligiĝas kun la *n* akuzativa. Ke al tiu sono, Zamenhof donis la formon *j* anstataŭ *y* estas facile komprenebla. J estas la litero, kiu plej multe similas al *i*, signo de multenombro en la itala, rusa kaj malnovgreka lingvoj. La litero *y* kiel signo de multenombro donus al la tekstoj pezan kaj malagrablan aspekton. Aliparte ĝi pli ol j kripligus la ortografion de multaj vortoj: Ekzemple formoj kiel *ajlo*, *fajfi*, *fajli*, *hajli*, *salajro*, *semajno*, estas pli proksimaj al la naciaj radikvortoj (ĉe kiuj i anstataŭas j) ol estus *aylo*, *fayfi*, *fayli*, k. t. p. Estas ankaŭ notinde, ke j, same kiel la supersignaj literoj, permesas kombini fonetismon kaj grafismon por atingi maksimuman internaciecon. Ekz.: *juna* havas ortografion similan al la franca (F. *jeune*) kaj germana (G. *jung*), kaj prononcon konforman al la angla (A. *young*, pr.: jung) kaj al la germana. *Januaro* estas proksima al la ortografio angla, franca kaj germana, kaj plie per la sono ĝi estas germana kaj rusa.

El ĉio rezultas, ke *j* ne estas uzebla kun la sono *ĝ* aŭ *ĵ*.

Oni kelkafoje asertas, ke ne estas necese havi en internacia lingvo la sonon *ĵ*, ĉar ĝi ne estas internacia. *Ĵ* estas efektive ne tute internacia, sed ankaŭ ne *ĝ*. La sono *ĝ* ekzistas en la angla, itala kaj rumana lingvoj, la sono ĵ en la franca, angla (*z* en *azure*) kaj rusa. Ĝi do estas eĉ pli disvastigata ol *ĝ*, kaj plie ĝi estas preskaŭ ĉie konata pro la internacia vorto *journal*. Aliparte, oni ne pli povas kunfandi *ĵ* kun *ĝ* ol *ŝ* kun *ĉ*. Fonetike, *ĵ* rilatas al *ĝ* kiel *ŝ* al *ĉ*.[1]

Dank' al la litero *ĵ* oni povas konservi la nacian fonetismon de kelkaj ofte uzataj radikoj, kiel *ĵaluza*, *ĵargono*, *ĵeti*, *ĵongli*, *ĵuri*, *ĵurnalo*, k. t. p. Se oni skribus *ĝaluza*, *ĝargono*, *ĝeti*, aŭ *yaluza*, *yargono*, *yeti*, la vortoj aperus kripligitaj.

*(Daŭrigota.)* *H. H.*

[1] En la slavaj lingvojn, kiuj uzas supersignojn (ekz. ĉeka, kroata) oni prezentas la sonon *ĵ* per supersignita *z* (*ž*). Fonetike, tio estas pli ĝusta, ĉar *ĵ* estas la palata sono de z same kiel *ŝ* estas la palata sono de *s*, sed la uzo de z supersignita kripligus la vortojn de franca aŭ angla deveno.

# Alvokoj

## Monda rondvojaĝo

Belgaj internigitoj intencas fari post la milito mondan rondvojaĝon per Esperanto. Por ke ili povu plenumi sian deziron, ili petas, ke la ĉiulandaj Esp. grupoj sendu sian adreson kiel eble plej baldaŭ al:

*S-ro Theo. Neyens*, brigadier,
10 batterie de siège, baraque 5, *Harderwijk* (Nederlando).

## Invito al la Esperantistaj grupoj en Svisujo

Dum mia libertempo (julio—septembro) mi intencas fari paroladvojaĝon pri la bulgara lingvo, literaturo k. s. evitante ĉiun politikan demandon. Se iu el la Esp. grupoj volas profiti la okazon kaj aranĝi publikan aŭ societan kunvenon, ĝi estas petata anonci al mi. Kompreneble mi parolos en Esperanto, kaj oni povas laŭbezone (ĉe publika kunveno) traduki aŭ resumi en sian nacilingvon. Mi kredas, ke tio estas tre propaganda por nia movado en Svisujo.

*Iv. Krestanoff*, stud. med.
*Lausanne*, 12, av. du Mont-Blanc.

## Statistika materialo

La subskribinto, Prez. de la Bostona Esp. Societo, deziras prezenti raporton ĉe la kunveno de la Esp. Asocio de Nord-Ameriko (ĉirkaŭ la 20 julio), kiu enhavos faktojn pri la progreso de nia lingvo kaj tiel ebligos, ke oni havu bonan respondon al la ofta demando „ĉu tiu lingvo ankoraŭ vivas?" Tial mi ĝojos ricevi leterojn, kartojn, k. t. p. de la Esp-istaro, kiuj enhavas informojn por tiu celo. Ankaŭ mi dankos ĉiujn redaktorojn, kiuj represos tiun ĉi peton.

*G. W. Lee*
147, Milk St., *Boston*, U. S. A.

Ŝajnas al ni, ke plej trafa respondo al la demando, ĉu Esp. ankoraŭ vivas, estus kunmeto de la kronikoj de niaj Esp. gazetoj kaj speciale tiuj de „*Esperanto*", kiu resumas ĉiujn. Niaj propagandistoj utiligu tiun materialon. — *(Red.)*

## Vojaĝanta Esperanto-Ekspozicio

Ĉar ne estas eble al mi danki ĉiun aparte por la alsendo de Esperantaĵoj por nia „Vojaĝanta Esperanto Ekspozicio", mi volonte uzas ĉi tiun okazon, por sincere danki ĉiujn bonvolulojn, kiuj per sia morala subteno ebligis al mi starigi gravan entreprenon.

Ankoraŭfoje mi volas atentigi la Esp. firmojn, ke ekzistas per la „Vojaĝanta Esperanto-Ekspozicio" bona okazo, por konatigi iliajn entreprenojn kaj komercaĵojn.

*G. Jos. W. Bombeeck,*
Gesellenhuis, *Helmond* (Nederlando).

# Niaj Mortintoj

La patro de nia Direktoro, artpentristo **Ferdinand Hodler,** doktoro h. c. de la Basel'a Universitato, honora civitano de Ĝenevo, oficiro de la Honora Legio, mortis en Ĝenevo la 19 majo je la aĝo de sesdek-ses jaroj, sekve de kormalsano.

* * *

Kun ĉagreno ni ricevis de Varsovio la komunikon pri la morto en Petrograd de nia konata pola samideano, **Adam Zakrzewski,** kiu estis unu el la tute unuaj Esperantistoj. Adam Zakrzewski aktive partoprenis en nia movado dum la unuaj jaroj; poste li kelkan tempon restis for sekve de la okazintaĵoj rilataj al la reforma krizo de 1894, sed je la epoko de la Bulonja Kongreso li denove aliĝis al nia movado, je kiu li restis fidela ĝis sia morto. S-ro Zakrzewski apartenis al la redaktoraro de „Pola Esperantisto", en kiu li skribis multajn ŝatatajn artikolojn. Plie, li verkis tre bonan kaj detalan „Historio de Esperanto", kiu estas la plej kompleta ĝisnuna dokumento pri la disvolvo de nia movado dum la unuaj dudek jaroj. Krom tio S-ro Zakrzewski estis agema membro de la Lingva Komitato, por kiu li i. a. verkis interesan raporton pri la propraj nomoj en Esp.

Al niaj polaj samideanoj, jam tiel kruele disbatitaj de la milito, ni sendas la esprimon de nia simpatio pro tiu nova grava perdo.

* * *

**Boddy, A. W.,** el Nelson (Lanc., Angl.), membro N-ro 8505, mortis ĉe la milito en julio 1916.

**Mac Neill, J. H.,** el Newcastle (Angl.), membro N-ro 6970.

**Grafino Luise von Osenburg,** el Birstein (German.), membrino N-ro 10,990.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = ***poŝtkarto***. PI = ***poŝtkartoj ilustritaj***.
PM = ***poŝtmarkoj***. bfl = ***poŝtmarko sur bildflanko***.

AMERSFOORT (Nederlando). — S-ro H. v. d. Gaan, 3, Kerkstraat, PM, PI, L (kun ĉiulandaj samideanoj).

BUENOS AIRES (Argentino). — S-ro A. Corral, 1312, Pavón, PL kaj Esp. gazetoj.

HELLEFORS (Svedujo). — S-ro G. Jönsson, PK, PI, L (nur kun fraŭlinoj).

MONTEVIDEO (Urugvajo). — S-ro Modesto Pernas, 1370, Av. Gonzalo Ramírez, PI, L.

MONTEVIDEO (Urugvajo). — S-ro Severino Castro, 1649, strato Yi, PI, bfl, L.

ÖRNSKÖLDSVIK (Svedujo). — S-ro Einar Adamson, ĵurnalisto, Nyd. Norrland, PI, L, fotografaĵoj, gazetoj (kun ĉiuj landoj).

REGENSBURG (Germ.). — S-ro Josef Köstner, Spiegelgasse 3/I, PI, L (france kun sviso).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.

ADRESŜANĜO. — La nova adreso de S-ro Bruno Rifling estas: Bekkelagshöiden, Norvegujo.

PENSEMULOJ KAJ DILIGENTAJ SERĈANTOJ AL DIO ciumanieraj, ĉiukredaj kaj ĉiulandaj skribu al mi, kaj mi ĉiam tuj kaj nepre respondos. *C. H. Gibbons*, 407, Winona St., Austin (Minn., Usono).



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO